# Esperantista Vegetarano

2-3 '96

Oficiala organo de la vera, origina kaj historia

Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio

Fondita en 1908. Unua prezidanto L.N.Tolstoj.



# ENHAVO:




**Esperantista Vegetarano**

## N-ro 2-3/1996

**Oficiala organo de la vera, origina kaj historia TUTMONDA ESPERANTISTA VEGETARANA ASOCIO**
**Fondita en 1908.**
**Unua prezidanto L.N. Tolstoj.**

ESTRARO:
**Provizora prizorganto**
**Ernesto Váňa, P.O.Box 8,**
**962 71 Dudince, Slovakio**

REDAKCIO:
**Stano Marĉek, Zvolenská 15/21,**
**036 01 Martin, Slovakio.**
**Telefona kaj faksa numero:**
**+42 842 37145**

ABONKOTIZO:
**Libervola mondonaco**
**almenaŭ unufoje jare**
**al Landaj Perantoj de TEVA**
**aŭ rekte al s-ro Ernesto Váňa,**
**P.O.Box 8, 962 71 Dudince, Slovakio**
**Informoj pri la alvenintaj mondonacoj aperas sur la antaŭlasta paĝo.**


### Viaj kontribuaĵoj



Se vi deziras, ke via kontribuaĵo aperu en la sekva numero de EV, bonvolu respekti la jenajn limdatojn:

EV 1/97– ĝis la 31-a de decembro 1996
EV 2/97 – ĝis la 31-a de marto 1997
EV 3/97 – ĝis la 30-a de junio 1997
EV 4/97 – ĝis la 30-a de septembro 1997
**Por la monkontribuaĵoj la limdatoj ne validas!**

**Esperantista Vegetarano**

## Karaj miaj geamikoj,

mi tre bedaŭras, ke ni malfruiĝis pro teknikaj kialoj, sed fine nia redaktoro sukcesis certigi por si ĉion, kaj li ekde nun scipovos garantii, ke nia gazeto aperados regule kaj aldate, ĉar li havas jam la deziritan moderman helpilon. Pri ĉio li diros pli multe en siaj v o r t o j . Mi koncize aldonu gravan aferon, ke en nia nov-naskiĝinta lando multe ŝanĝiĝis la poŝta tarifaro, kaj tiu, ĝuste tiu faras nun al ni la plej grandajn zorgojn ankaŭ en la eldonado kaj ekspedado de nia bulteno Esperantista Vegetarano.




Por garantii la ĝustatempan aperadon de nia gazeto mi decidis fondi solidaran, samideanan kaj eĉ humanisman organizaĵon: "Garantia Eldona Fondaĵo", kiu estos kaj restos vera garantia fonduso por ebla okazo, ke ni ne havus, respektive la eldonanto, la bezonatan monon por eldonado kaj ekspedado de la gazeto. Kiel la plej unua mi aliĝas kaj mi disponigas tuj la sumon de Sk 6000,-- (tiun sumon mi rekomendas kiel bazan subtenon prunte, pageblan ankaŭ en parto-pagoj). Tiu sumo de 6000,- kronoj egalas al 200 Amerikaj Dolaroj, aŭ 250 Svisaj Frankoj, aŭ 300 Germanaj Markoj. La koncernan monon sendu afable (por reciproka kontrolo) al mi je mia adreso, aŭ uzu la por vi plej konvenan formon, ekz. pere de banka servo. Tiuokaze vi povas uzi la Poŝtan Bankon, kiu eble funkcias en ĉiuj landoj, aŭ la Slovakan Ŝparkason, aŭ la Ĝeneralan Bankon. Atentu — ilia adreso slovake estas: Poštová banka, SK 800 00 Bratislava, Slovakio, Slovenská sporitelňa, SK-800 00 Bratislava, Slovakio. Všeobecná úverová banka, adreso kiel supre, kaj ĉiam alskribu: „Por konto de Váňa Arnošt, Dudince 163". Mi ĉiun pagon skribe konfirmos, kaj tiujn ni ankaŭ en nia gazeto publikigos. Estos prudente, se vi samtempe min afable informos pri la pago per normala koresponda karto, por ke mi povu tuj skribi al la kon-cerna banko, por eviti eventualan miskoprenon, kiun povus fari la poŝta servo. Per tiu ĉi Fonduso ni garantios la regulan eldonadon kaj ekspedadon de nia gazeto, kiun bonvolu afable rekomendi ankaŭ al viaj geamikoj-esperantistoj, aŭ simpatiantoj de la Verda Movado

aŭ de la vegetara vivmaniero. Pro via afabla' kompre-nemo kaj kunlaboro sincere al vi dankas samideane via

Ernesto Váňa

## VORTOJ DE LA REDAKTORO

*Karaj geamikoj,*

*via redaktoro troviĝas en iom komplika situacio, antaŭ dilemo, ne estante tute certa, kiu el la vojoj estas la ĝusta kaj la plej kompetentan respondon certe povus doni al li nur vi, la legantoj. Do mi petas vin, kara leganto, atente tralegu ĉi vortojn kaj se vi trovos en si almenaŭ iom da konsilemo kaj skribemo, kribu **vi** ĉifoje kelkajn vortojn **al via redaktoro**, kiu tion faras por vi (kvankam ne tre regule, pardonu) jam kelkajn jarojn...*

*Jen pri kio temas: nia TEVA, kaj do ankaŭ ĝia gazeto Esperantista Vegetarano, travivas krizon. La estraro kaj kun ĝi ankaŭ la membraro, verŝajne pro nesufiĉa komunikemo aŭ toleremo, disiris al du tendaroj, el kiuj ambaŭ asertas, ke la kontraŭa tendaro malpravas... Feliĉe ke la vegetarana esperantistaro ne estas tre multnombra kaj ke ĝi [espereble] ne posedas kanonojn. Aliokaze jen kialo por plia mondmilito...*

*Sed serioze: la miskomprenoj komenciĝis pro "okcidenta" iniciato eldonadi nian gazeton nur unufoje jare. Onidire pro tio, ke jam estas sufiĉe da naciaj vegetaranaj gazetoj kaj ne plu estas tempo por legi kvaronjaran EV-on. Miaopinie stranga argumento, ja ĉiu el ni certe bezonas freŝajn novaĵojn, argumentojn pri nia ĝusta vojo, la «animan nutraĵon», la benzinon kaj oleon por niaj motoroj. Organizo, kiu unufoje* jare skribe informas siajn membrojn, estas laŭ mi baldaŭ morta organizo.*

*Ekestis do du tendaroj, unu frunte kun s-ro Fettes, kiun en la funkcion nomumis s-ro Váňa, kaj la alia frunte kun s-ro Váňa mem, la heredinto kaj la posedanto de la organizo kaj ties gazeto. Bedaŭrinde nek mi, nek s-ro Váňa povis partopreni en la TEVA-kunsido dum la UK en Prago kaj do la problemoj tute ne solviĝis. Mi mem klopodis helpi al la situacio tiel, ke mi telefakse sendis mesaĝon al la partoprenantoj. Bedaŭrinde malgraŭ la transdono ĝi ne estis tralegita. Jen mi do ĝin aperigas en la origina formo:*

**MESAĜO AL PARTOPRENANTOJ DE LA TEVA-KUNSIDO:**

**Karaj geamikoj,**

Pro urĝaj profesiaj kaj redaktoraj devoj (Esperantisto Slovaka estas finpreparata en presejo kaj mi devas alporti ĝin al la UK) mi ne povas persone ĉeesti la TEVA-kunsidon. Mi do kore salutas vin kaj sciigas mian starpunkton pri la „TEVA-skismo“:

POR SAVI LA UNUECON DE TEVA
MI PROPONAS LA JENON:

**1.** Reelekti en la Estaron de TEVA s-ron Váňa, min kaj eble aliajn membrojn, kiuj volas labori por TEVA (ekzemple s-ro Sládeček).

**2.** Ĉesi la kvereletojn, la membroj de TEVA decidu, ĉu EV aperadu 1-foje aŭ 4-foje jare. Tio estas unu el la plej gravaj problemoj, kiuj kondukis al la „skismo".

**3.** Mia nova profesio permesas al mi dediĉi sufiĉe da tempo al TEVA-aferoj kaj mi estas preta plu redakti nian gazeton Esperantista Vegetarano. Mi jam aĉetis bonan komputilon kaj povas ĝin redakti kaj presigi en bona kvalito.

**4.** Estas problemoj kun la kaso: por EV ni jarojn almozas monon el TEVA-kaso, kvankam la membroj sendas tiun monon precipe por la gazeto. Neniam la membroj eksciis, kio okazas kun la ofte malavaraj donacoj de niaj membroj. Mi proponas ke la kaso transiru aŭ al la eldonejo de EV (ĉar la gazeto bezonas tiun monon), aŭ ke oni certigu, ke la bezonatan monon la redaktoro aŭ la eldonanto ricevu de la funkcianta kasisto. Mian redaktorecon mi konsideros honora, do ne postulos honorarian pro la laboro.

**5.** Esperantista Vegetarano do povas plu aperadi en Slovakio, sub mia redaktoreco, la presado estas certe multe malplikosta en Slovakio ol ok-cidente.

6. Respekti la opiniojn de s-ano




Ernesto Váňa, sen kiu neniu el vi hodiaŭ estus ĉi-tie kaj konscii, ke li estas forta kolono, sur kiu staris kaj staras TEVA.

7. Mi pretas preni ankaŭ alian funkcion en TEVA, se la kunveno tiel decidos. Amike vin ĉiujn salutas via longjara redaktoro

*Stano Marček*

# KVIZO PRI LASTAJ LINIOJ DE FAMAJ VERKOJ DE D-RO ZAMENHOF

**de Bernard Golden**

La unuaj ekzemploj de originala literaturo en Esperanto estas la verkoj de d-ro L. L. Zamenhof. Kvankam lia prozo ne estas beletro en la strikta senco de la vorto, la multnombraj artikoloj, leteroj kaj paroladoj, kiujn li verkis, montras, kiel li trafe esprimis sin per imitinda stilo. La ĉi-subaj ĉitaĵoj konsistas el la lastaj frazoj el kvin verkoj de Zamenhof. Ĉu vi povas identigi ilin? Kiam Zamenhof verkis ilin kaj por kiu celo?

**A.** "... Mi estis tre ekscitita antaŭ tio ĉi; ke mi staras antaŭ Rubikono kaj ke de la tago, kiam aperos mia broŝuro, mi jam ne havos la eblon reiri; kia sorto atendas kuraciston, kiu dependas de la publiko, se tiu ĉi publiko vidas en li fantaziulon, homon, kiu sin okupas je „flankaj aferoj"; mi sentis, ke mi metas sur la karton tutan estontan trankvilecon kaj ekzistadon mian kaj de mia familio; sed mi ne povis forlasi la ideon, kiu eniris mian korpon kaj sangon kaj ... mi transiris Rubikonon.

**B.** "... Ni devas ĉiuj egale labori, ĉiu laŭ siaj fortoj. Ĉiu el vi povas nun fari por nia afero tiom same kiom mi, kaj multaj el vi povas fari multe pli multe ol mi, ĉar mi estas sen kapitaloj, kaj el mia tempo, okupita de laboro por ĉiutaga pano, mi povas oferi al la amata afero nur tre malgrandan parton. Mi faris por la afero ĉion, kion mi povis, kaj se ĉiu efektiva amiko de l'lingvo internacia alportos al ĝi eĉ la centan parton de l'moralaj kaj materialaj oferoj, kiujn mi al ĝi alportis tra dekdu jaroj ĝis hodiaŭ, tiam la afero iros bonege kaj venos al la celo post la plej mallonga tempo. Ni laboru kaj esperu!"

**C.** "... La projekto de la Kongreso estis la lasta provo, kiun ni faris, por unuigi ĉiuj personojn, kiuj nomas sin amikoj de la ideo de lingvo internacia. Ĝi montris al ni ankoraŭ unu (nun jam la lastan) fojon, ke ĉiuj penoj kaj provoj kontentigi niajn kontraŭparolantojn, estas tute vanaj kaj kondukas al nenio. Ni forlasu do por ĉiam ĉiujn provojn de cedado kaj ni iradu de nun trankvile nian vojon, ĉiam rekte antaŭen, memorante, ke la vero estas sur nia flanko kaj do kiu volas kontentigi ĉiujn, kontentigas neniun."

**D.** "... Ni ne bezonas jam nun atendi kongresojn: la celo estas tute klara kaj ĉiu povas sin tiri al ĝi. Ne bezonante rigardadi, kion diras aŭ faras aliaj, ĉiu povas alporti sian ŝtonon por la kreskanta konstruo. Nenia ŝtono perdiĝos. Nenia laboranto tie ĉi

dependas de la alia, ĉiu povas agadi aparte, en sia sfero, laŭ siaj fortoj, kaj ju pli da laborantoj estos, tiom pli radipe estos finita la granda konstruo. Precipe ni turnas nin al diversaj sciencaj societoj kaj kongresoj. Ne rigardante, kiom faras aliaj, ne atendante, ke aliaj prenu sur sin la iniciativon, ĉiu societo aŭ kongreso aparte decidu ion tian, kio alproksimigus la grandan komunehoman celon almenaŭ je unu paŝo."

B. "...Por ni estas gravaj ne iaj bagatelaj eksteraj detalaĵoj de nia lingvo, sed ĝia edenco, ĝia ideo kaj celo; tial ni antaŭ ĉio devas zorgi pri ĝia seninterrompa vivado, pri ĝia senhalta kreskado. Granda estas la diferenco inter homo-infano kaj homo-viro; granda eble estos la diferenco inter la nuna Esperanto kaj la evoluciinta Esperanto de post multaj jarcentoj; sed dank' al nia diligenta gardado, la lingvo fortike vivos, malgraŭ ĉiuj atencoj, ĝia spirito fortiĝos, ĝia celo estos atingita, kaj niaj nepoj benos nian paciencon."

## Respondoj

**A. "Eltiro el privata letero al s-ro B (N. Borovko)"**

En 1895 Zamenhof skribis ruslingvan leteron al Nikolaj Afrikanoviĉ Borovko por respondi ties demandon pri la deveno de Esperanto. Vladimir Gernet tradukis ĝin en Esperanto kaj ĝi aperis en Lingvo Internacia en 1896. En tiu ĉi letero Zamenhof detale priskribas la junaĝajn travivaĵoj, kiuj instigis lin interesiĝi pri internaciaj lingvoj kaj krei Esperanton.

**B. "Aldono al la ,Dua Libro de l'lingvo Internacia'"**

En la Dua libro Zamenhof promesis eldoni kajerojn kun la celo respondi demandojn kaj pritrakti problemojn. Nur unu kajero aperis, 22-paĝa broŝuro eldonita en 1889. Ĝi enhavas informojn pri la Amerika Filozofia Societo de Filadelfio, kiu ekinteresiĝis pri Esperanto post malaprobo de Volapuko, kaj ankaŭ klarigon pri la sola ŝanĝo, kiun Zamenhof faris en Esperanto post la eldono de la Unua Libro.

**C. "Raporto pri la 'Skriba Kongreso' "**

En majo de 1897 Zamenhof dissendis 6000 invitilojn al gazetoj kaj reprezentantoj de diversaj planlingvaj projektoj en ĉiuj parton de la mondo, invitante ilin partopreni en "Skriba Kongreso" por decidi la demandon pri internacia lingvo. La kongreso fiaskis, ĉar la aliprojektanoj rifuzis kunlabori. La raporto aperis en Lingvo Internacia en 1897.

**D. "Esenco kaj Estonteco de la Ideo de Lingvo Internacia "**

Tiu ĉi verko, la plej grava el la esperantismaj verkoj de d-ro Zamenhof, aperis en Fundamenta Krestomatio sub la pseŭdonimo Unuel ( = unu el ...). En la eseo, kiun Zamenhof verkis inter 1889 kaj 1900, li montras per trafe logikaj argumentoj kaj analizado, kiel kaj kial nur Esperanto povas esti elektita la internacia lingvo.

**E. "Malferma parolado" - Kvara Universala Kongreso, 1908, Dresdeno**

En tiu ĉi parolado, kiu estis publikigita la unuan fojon en Lingvo Internacia en 1908, Zamenhof pritraktas la malutilon de diskutadoj pri reformoj en Esperanto, ĉar ili malhelpas la evoluon de la lingvo.

Por Espeantista Vegetarano
Bernard Golden
Damjanich u. 1/C I.8 HU-8200 Veszprém
Hungario

# La abelaj produktaĵoj en la medicina praktiko

Abelojn oni povas konsideri grandaj bonfarantoj al la homo. Ĉiuj abelaj produktoj alportas grandegan utilon, kiel nutraĵoj kaj ankaŭ kiel kuraciloj. Ili estas: mielo, abela lakto, virabela lakto (apilavrilo), abela veneno, abela vakso, abela poleno (pǫlveto), propoliso, pergo, eĉ abelaj kadavroj (korpoj). La abeloj, krom per siaj produktoj, helpas al la homaro per polenigo de multaj vegetaĵoj, sekurigante fruktolegoman nutraĵon por la homo kaj samtempe subtenante ekologian ekvilibron en la naturo. La kuracaj kvalitoj de tiuj produktoj estas konataj dum miljaroj. La popola kaj la oficiala medicinoj akceptas tiujn valorajn produktojn kiel solidajn rimedojn kontraŭ multaj malsanoj. Venis la tempo por estigi kaj disvolvi novan branĉon en la medicino nomatan „apiterapio". Nun ekzistas Tutmonda abelista organizo „Apimondia", naciaj sciencaj asocioj, esploraj laborejoj, riĉa literaturo, okazas kongresoj kaj konferencoj. La specialistoj fabrikas konvenajn kuracajn formojn - solvaĵojn, miksturojn, ungventojn, linementojn, kombinaĵojn ktp. La sciencaj esploroj de la biologiaj kvalitoj de tiuj produktoj daŭras kaj malkovras novajn eblecojn por utiligi tiun altvaloran donacon de la naturo.

La destino de tiu ĉi artikolo estas prezenti tre mallonge la ĝeneralan karakterizon de preskaŭ ĉiuj abelaj produktaĵoj.

**ABELA MIELO**: baza, bone konata produktaĵo, kiu donas al la homo ne nur bonkvalitan nutraĵon, sed ankaŭ kuracan helpon. La mielo entenas karbonhidratojn — glikozon, fruktozon, maltozon k. a. Ĝi estas energiodona materialo (100 g da mielo 320 kaloriojn). Krom tio ĝiaj konsistaj partoj estas akvo, organikaj acidoj, mineralaj saloj, albuminoj, enzimoj, vitaminoj (C, B1, B2, K pantotena, nikotina kaj folia acidoj k.a.).

La abela mielo havas antibakterian efikon; ĝi kuracas inflamojn de la spiraj tuboj, gastroduodeniton, ulcerojn de stomako kaj duodeno, hepatajn kaj renajn malsanojn kaj konstipon. Ĝi trankviligas centran nervan sistemon. Perbuŝe oni povas uzi ĝin ĉirkaŭ 100 g tage. Oni aplikas ĝin ankaŭ per inhaloj.

Ekstere uzata ĝi influas kontraŭ haŭtaj malsanoj, brulvundoj, mukmembranaj inflamoj, gingivito k.a. Oni faras kombinaĵojn de mielo kun aliaj

abelaj produktoj kaj kun plantaj kaj kemiaj drogoj.

**ABELA LAKTO**: produkto de neflugantaj abeloj. Ĝi aspektas kiel densa, netravidebla blanka materio, kiu entenas multajn substancojn: vitaminojn (C, B1, B2, B5, B6, B12 k.a.), inoziton, acetilholinon, kemiajn elementojn (K, Na, Ca, Fe, Mg, S, Si, Hg, Bi, Cu, Au, k.a.). La biologia antaŭdifino de abela lakto estas servi kiel adekvata bona nutraĵo por larvoj, kiuj transformiĝos en abelajn laboristojn kaj estontajn abelajn patrinojn (reĝinojn).



En medicino la ĉefaj indikoj de la abela lakto por la interna uzado estas kiel nutraĵo kontraŭ distrofio, anemio kiel rezulto de sangoperdo, bronka astmo, aterosklerozo, stomaka kaj duodena ulceroj kaj ankaŭ por plibonigo de sangocirkulado de la cerbo kaj koro. Oni uzas ĝin memstare kaj ankaŭ en miksaĵo kun mielo. La farmaciaj formoj estas alkohola solvaĵo perbuŝe, akva solvaĵo por subhaŭtaj aŭ muskolaj injektoj. Ankaŭ oni produktas tablojdojn, kiujn oni suĉas sublange. La dozoj, kiujn aplikas diversaj aŭtoroj, estas de 5 mg ĝis 100 mg tage. Oni liofilizigas abelan lakton kaj tiel konservas ĝin por pli longdaŭra uzado.

**VIRABELA LARVA LAKTO**: Oni produktas virabelan lakton el freŝaj abelodoj, kiam ili estas ankoraŭ en larva frua fazo de evoluo, kiam ilia vivnovo estas tro alta. Ĝia kemia enhavo estas albumino, grasoj, aminoacidoj, vitaminoj, hormonoj kaj mikroelementoj.

En medicino oni aplikas ĝin kontraŭ psikaj malordoj. Ĝi donas tonuson al la nerva sistemo kaj stimulas seksemon.

La virabela lakto kuracas hepatiton, plialtigas imunajn fortojn de la organizmo, plibonigas metabolon kaj havas lokon en sporta trejnado. La pulvora formo kaj la tablojdoj estas farmaciaj produktaĵoj. La taga dozo atingas ĝis 100 mg.

**ABELA VENENO**: La abeloj produktas ĝin per specialaj glandoj, kiuj estas ligitaj pere de kanaletoj kun la pikiloj. La kemia enhavo de la veneno estas malsimpla: ĝi enhavas akvon, albuminojn, lipoidojn, mineralajn substancojn, aminoacidojn. La substanco nomata „melisino" estas la aktiva parto de la veneno. Kiam la abelo pikas homan haŭton (aŭ haŭton de bestoj), speciala muskola meĥanismo enigas venenon en la histon kaj provokas doloron, neniigas vazajn spasmojn, dilatas

sangan vazaron, levigas altan sangopremon kaj influas preskaŭ al ĉiuj korpaj funkcioj. En medicino oni uzas akvan aŭ olean solvaĵojn de la veneno, kiujn oni injektas subhaŭten. Por ekstera uzado oni produktas linimentojn aŭ ungventojn, ekzemple "Melivenonon". Estas konata kuraca metodo per abela veneno, provokante artefaritan pikadon de abeloj en elektitajn regionojn de la haŭto. La ĉefaj indikoj de la venenaj produktaĵoj estas reŭmatismo, reŭmatisma artrito, muskolaj kaj artikaj doloroj, neŭrito, tendenito, lumbago, tromboflebito, hipertonio, bronka astmo (per inhalo), aterosklerozo de la membroj.



**ABELA VAKSO:**
Vakson produktas la abeloj-laboristoj per specialaj glandoj, uzante por tiu celo polenon kaj mielon (el 3,6 kg da mielo oni ricevas 1 kg da vakso). La abela familio aplikas vakson por konstruado de vaksĉelaro. La pura abela vakso estas blanka, flava aŭ bruna materio, kiu odoras agrable. Ĝi havas duran kompaktan strukturon, kiu fandiĝas ĉe 60-68° C kaj fariĝas mola ĉe 30-35°C. Oni uzas vakson en medicino, farmacio kaj kosmetiko. Ordinare la vakso estas konsista parto de ungventoj, plastiroj, supozitorioj, donante al ili konvenan formon, por kuraci vundojn kaj haŭtajn malsanojn.

El vakso oni fabrikas kandelojn por lumigo kaj ritaj ceremonioj.

**POLENO:** prezentas virajn seksajn ĉelojn de plantoj, kiujn la abeloj kolektas dum la periodo de florado. Kemia enhavo de tiu ĉi produktaĵo estas malsimpla. Ĝi entenas albuminojn, lipidojn, karbonhidratojn, vitaminojn (C, B1, B2, B5, B6, E), mineralajn substancojn, hormonojn, aminoacidojn kaj multajn aliajn konsistaĵojn. La terapiaj indikoj de la poleno estas digestaj malordoj ĉe infanoj, aterosklerozo, neŭrastenio, kronika hepatito, anemio, stomaka kaj duodena ulce-roj.

**PROPOLISO:**
miksaĵo de vegetaj rezinoj, vakso, eteroleoj, tanino k.a. La abeloj rikoltas ĝian konsistaĵon el la burĝonoj, floroj, poleno, tanino.

Kemia enhavo de propoliso estas malsimpla: ĝi enhavas organikajn substancojn, mineralajn elementojn (K, Na, Ca, Mg, Fe, Cu, Co, Zn, Mn, Si), vitaminojn (tiamino, riboflavino, tokoferolo, askorbina kaj nikotina acidoj), flavonoidoj ktp.

Propoliso estas aplikata en la medicino kiel kontraŭinflama kaj

kontraŭbakteria rimedo. Ĝi normaligas sekrecion de stomako. La preparaĵoj el propoliso, por ekstera kaj interna uzado, havas multajn terapiajn indikojn: kontraŭ malsanoj de buŝo kaj gorĝo (aftoj, pioreo, tonsilito, faringito, gingivito, dentodoloro, kontraŭ malsanoj de digesta aparato (kolito, gastrito, ulceroj de stomako kaj duodeno); por kuracado de spira aparato - ankaŭ per inhalo (bronkito, gripo, febro, rinito, sinusito); por kuracado de haŭtaj malsanoj (ekzemoj, herpesoj, verukoj, lupuso, brulvundoj, inflamoj, eritemo, urtikario, mikozoj); por kuracado de ginekologiaj malsanoj (erozio de utera kolo trihomonozo, vulvito) ktp.

Preparaĵoj de propoliso por interna uzado estas alkohola eltiraĵo 10-30 % kaj por ekstera aplikado, krom la menciitan supre, oni uzas ankoraŭ ungventojn (5-30 %) kaj linimentojn, aplikante kiel bazon vazelinon, lanolinon, buteron, vegetajn oleojn (linan heliantan, olivan). Oni kombinas propolison kun plantaj drogoj kaj aliaj kemiaĵoj.

Ni povus skribi ankoraŭ pri PERGO (mielo kun abela vakso), kiel nutra kaj kuraca drogo, kaj ankaŭ pri ABELAJ KADAVROJ (kaĉo de elektita grupo de insektaj korpoj —, ankaŭ perspektiva kuraca rimedo).

Fine de la artikolo pri abelaj produktaĵoj ni rekomendas ilin kiel altvalorajn nutrajn kaj kuracajn rimedojn, kiuj riĉigas la tutan homaron.

Doc. D-ro Nikola Donev

Laŭ la ĵurnalo Znahar (Kuracanto), Bulgario

## AROMAJ OLEOJ POR KRESKAĴOJ

Aromaj oleoj en akvo por akvumi la kreskaĵojn estas tre efikaj por ili kaj kaŭzas, ke kemiaj malutilaj substancoj estas senefikaj. Biologo Ditrich Gumbel post longtempa esplorado evoluigis diversajn bonodorojn, kies utileco estas jam science pruvita en terkulturado. La „aroma zorgado pri kreskaĵoj" estas taksita kiel grava kontribuo al protekto de vivmedio kaj ricevis oran medalon dum internacia foiro de kreskaĵoj en germana lando Vestfalio. Eterajn oleojn povas uzi eĉ homoj por kuracaj kaj kosmetikaj celoj. Se vi ne prizorgas eterajn oleojn en specialaj vendejoj, vi povos mem produkti ilin tiamaniere, ke vi en olivan aŭ kotonan oleon metos la deziratajn kreskaĵojn kaj lasos la kovritan vitran ujon stari 3-4 semajnojn sur fenestro, en kiu brilas la suno. Etera oleo el rosmareno, timiano, salvio, mento, meliso, majorano, fazeola foliaĵo kaj oregano subtenas la kreskadon de la sana foliaro. La florojn subtenas etera oleo de ruto kaj de diversaj citrusaj kreskaĵoj. Por subteni la radikojn oni bezonos aroman oleon de petroselo, kumino, celerio, feniklo, anizo, koriandro kaj karoto. La oleojn oni aldonas al akvo, por akvumado de la kreskaĵoj, du-trifoje semajne. La kreskaĵoj post uzado de la aromaj oleoj estas sanaj, la profito de ili estas pli alta. La metodon povas elpruvi ĝardenistoj, terkulturistoj. Kiu volas aĉeti jam pretan oleon, povos ĝin ricevi ĉe:

Bio-Cosmetics, S.A.R.L, Rue Dr. Abert Schweitzer, F-681 40 Gunsbach.

# Miraklofara trinkaĵo

Kandidato de medicinaj sciencoj Vladimir Izotov inventis mirindan trinkaĵon — avenan amelaĵon. Ha, kia novaĵo estas, ridos vi. Tiun amelaokiselon ja oni manĝas dum mil jaroj.

Vere. Sed la recepto de Izotov havas siajn nuancojn, kiuj transformas antikvan manĝaĵon al eliksiro de juneco.

Laŭ konstato de ekspertoj el Instituto pri manĝoj neniu alia produktaĵo havas tian kombinaĵon de utilaj substancoj.



La avena trinkaĵo de Izotov, ricevita per metodo de acidlakta fermentado, estas riĉa je amelo, albumino, aminaj acidoj, vitaminoj B1, B2 kaj B6.

Sed la plej ĉefa afero estas, ke la trinkaĵo havas polinesaturitajn grasajn acidojn, kiuj havas antisklerozan influon. Precipe la amelaĵo estas utila por maljunaj homoj, kaj ankaŭ al tiuj, kiuj suferas pro kor-angiaj kaj stomak-intestaj malsanoj, pro malsanoj de hepato kaj pankreato.

Krome la avena amelaĵo, dank'al la enhavo de vitamino E, malhelpas al aperado de tromboj. Kaj la salo de magnezio stimulas elkondukon de galo. Sed ankaŭ tio ankoraŭ ne estas ĉio. La amelaĵo havas antimikroban influon, plibonigas la interŝanĝan procedon kaj ĝi estas ankŭ bona laksigilo.

Kiel kuiri la miraklan amelaĵon?

**LA RECEPTO:**

Trilitran ujon plenigu ĝis triono aŭ duono per avenaj flokoj (aŭ per dispecigita avena grio) kaj finplenigu per boligita nevarma akvo. Aldonu duonglason da kefiro aŭ acidlakto (ĝuste tio estas principa distingo de la tradicia metodo), firme fermu per kovrilo kaj lasu fermenti dum 2-3 tagoj. La procedon de fermantado eblas plirapidigi, se oni la ujon metos apud hejtilon.

Kiam la miksaĵo finfermentis, filtru ĝin tra filtrilo kun truetoj 2-3 mm. La restintan parton en la filtrilo akvumu kelkfoje per iom da malvarma akvo. Tiun akvon aldonu al la filtrita likvaĵo kaj lasu ĝin senmove dum 12-16 horoj. Dum tiu periodo la likvaĵo disiĝos je du tavoloj: la supra estas fluida, la malsupra estas densa sedimento. La fluidan tavolon akurate neskuante forverŝu. La sedimenton trans-

verŝu, fermu per kovrilo kaj metu en malvarman lokon. Ĝi estas koncentritaĵo de la amelaĵo.

Laŭ bezono prenu el la ujo negrandajn kvantojn por kuiri la amelaĵon, kaj ankaŭ kiel fermentilon por nova porcio. Kelkajn supajn kulerojn de la koncentritaĵo (ĉirkaŭ 5-7) miksu kun du glasoj da malvarma akvo. Sur malforta fajro, intense skuante, ekboligu kaj kuiru ĝis plaĉa denseco. En fino de kuiro saligu, aldonu buteron (oleon), kaj poste malvarmigu. Pli agrable estas trinki ĝin varma. Ĝi bone kuniĝas kun lakto kaj kremo. Alkutimiĝu matenmanĝi la amelaĵon ĉiun tagon. Same kiel dum ajna kuracado, grava estas regula manĝo de produktaĵo.

Mi persone matenmanĝas la amelaĵon jam dum sep jaroj. Mi opinias, ke nur dank' al ĝi mi fartas bonege, kio malfacile kuniĝas kun mia aĝo. Ja estis alia periodo. Post malsano de iksoda encefalito mi iĝis ruino: la interŝanĝaj procedoj estis embarasitaj, malfortiĝis la imuna sistemo. Kiom da malsanoj mi havis tiam! Ĝuste tiam mi eltrovis mirindajn kvalitojn de la avena amelaĵo.

Laŭ Privolskaja pravda,
urbo Liskovo, Rusio
Elrusigis M. Ĉertilov

## KURACA FORTO DE HIPERIKO

*Sciencista grupo en universitato de suda Karolino en Usono esploris efikon de la substanco hipericino, kiu troviĝas en la kreskaĵo hiperiko. Por la esplorado ili uzis cerban tumoron, operacie deprenitan de unu malsanulo. Estas jam longe konate, ke kresko de la kanceraj ŝvelaĵoj dependas de certa enzimo (Prot.C). Hipericino bremsas kreskadon de la substanco. Sciencistoj post finita eksperimento konstatis, ke hipericino ne nur bremsis la kreskadon de la kanceraj ĉeloj, sed kaŭzis eĉ ilian antaŭtempan detruiĝon. Ĉar hipericino estas al cerbo alkondukata per sango, la sciencistoj nun provos alkonduki ĝin al cerbo de vivanta homo, kun pruvita cerba tumoro.*

## MAGNETA KAMPO KONTRAŬ DEPRESIOJ

Psikiatrista grupo, sub gvidado de prof. Mark George en medicina universitato en suda Karolino evoluigis pli perfektan metodon por kuracado de depresivaj statoj. Elektromagneto dum dudek minutoj sendas 800 da magnetaj impulsoj en la cerbon de malsanulo. Tio estas pli bona kuracmaniero ol la kutima kuracado helpe de elektroŝoko. Helpe de pozitrona emisia tomografio oni trovis centron de depresio, kiu troviĝas malantaŭ la frunto. Prof. George uzas magnetan kampon rekte al centro de depresio. La uzita energio estas dekmiloble malplialta ol ĉe la kutima elektroŝoko. Klientoj, ĉe kiuj estas por tiu celo uzata dekstra flanko, estas pli gajaj, ol tiuj, ĉe kiuj estas uzata maldekstra flanko.




## SPIRITA FILOZOFIO KONTRAŬ KANCERO

Eminenta brita kuracisto, prof. Gabriel Kune klopodas science pruvi, ke pli profunda spirita filozofio ŝirmas kontraŭ kancero de la intestoj. Li esploris 715 maturajn homojn kaj konstatis, ke ĉe tiuj, kiuj havis pli profundan spiritan filozofion, kiuj interesiĝis pri esoterismo, la kancero de intestoj estas pli rara ol ĉe ateismaj klientoj. „Pli produnda persona spirita filozofio estas kvazaŭ bufro kontraŭ streĉo. Scio pri spirita mondo, pri pli alta potenco, dismetas la streĉojn, el kiuj devenas la malsano".

## KURACADO HELPE DE SPICOJ

Nuntempe nur malmultaj homoj scias, ke la spicaro havas kuracan forton. La spicaro povas influi fluojn de energioj en nia korpo, plibonigi digestadon, sed eĉ forigi diversajn mulutilaĵojn de nia korpo. La spicaro influas eĉ nian pensadon, koncentriĝon, memoron, sed eĉ niajn sentojn, povas tranviligi aŭ stimuli. Ekzemple feniklo bone efikas ĉe fiksa penso, ideo, kiu senĉese aperadas en la menso, la pipro bone influas la depresion, la cinamo harmoniigas sentan vivon kaj subtenas intuitivajn fortojn kaj kapablojn. En la spico estas koncentrita la forto de la

kreskaĵo. La spicon ni povas uzi diversmaniere. Por kuracaj celoj taŭgas infuzaĵo. Unu tean kulereton da spico ni enmetu en duonlitron da varmega, sed ne bolanta akvo kaj en kovrita ujo ni lasu ĝin kvin minutojn infuzi. Poste ni filtru ĝin kaj uzadu trifoje po kvin supaj kuleroj tage.

Kontraŭ printempa malvarmumo, kiu estas sekvo de rapida ŝanĝo de la vetero kaj kaŭzas nazkataron, estas utila infuzaĵo de unu parto de kardamono, koriandro kaj ĉili-papriko kaj de tri partoj de kariofilo. De tiu infuzuĵo ni uzu trifoje tage plenan supan kuleron.

Kontraŭ printempa laceco servas infuzaĵo de unu parto de koriandro, kardamono, pipro kaj anizo. Ni uzu kvinfoje tage du plenajn supajn kulerojn.

Por printempa beleco, por bela haŭto kaj eĉ por interna beleco utilas infuzaĵo de tri partoj de kardamono, du partoj de anizo kaj unu parto de pipro.

Anizo subtenas digestadon, helpas ĉe ventraj spasmoj. Vespere helpas ĉe ekdormado, forpelas terurajn sonĝojn.

Kariofilo favore influas inflamojn, moderigas dolorojn, forpelas singĝenon, timemon.

Koriandro bone efikas ĉe migreno, forpelas timon de publika prezentado.

Kumino subtenas la digestadon, trankviligas spasmojn, kolikojn, faciligas la spiradon.

Muskato moderigas reŭmatismon, bronkiton, bone efikas ĉe manko de memfido.

Pipro plibonigas digestadon, moderigas dolorojn kaj spasmojn, helpas ĉe depresioj, laceceo, malbona koncentriĝo kaj seksa indiferenteco.

Laŭ „Esotera“ 3/1996
Sládeĉek Vlado

***GRAVA PETO AL NIAJ AFABLAJ LANDAJ REPREZENTANTOJ!***

*Mi tre petas ilin, kiuj ĝis nun ne respondis, ĉu ili restas Reprezentantoj de la unusola, vera, origina kaj historia TEVA, ke ili nepre urĝe skribu al mi,- sufiĉas koresponda poŝtkarto! Eble de iuj mi ne ricevis la gravan informon, ĉar la poŝto ne ĉiam estas 100-procenta. Ĝis nun jese respondis s-ino Kennedy el US-Ameriko, s-ro Klag el Aŭstrio, s-ano Damjanov el Bulgario, s-ano Vesely el Ĉehio, s-ino Hromova el Estonio, s-ano Kivistö el Finnlando, s-ano Bosko el Hindio, s-ano Armadans el Hispanio, s-ino Dr. Papp el Hungario, s-ro Mozaffari el Irano, s-ino Kapista el Jugoslavio, s-ino Neilande el Latvio, EA el Litovio, TEVAN-Nederlando, s-ano Farani el Pakistano, s-ino Ĉuprakova el Rusio, s-ino Novotná el Slovakio kaj s-ro Karlsson el Svedio. Do mi tre petas la aliajn, ke ili urĝe informu min, por ke ni povu serĉi, se necesos, en aliaj landoj novajn La-Re-ojn laŭbezone. En tiu ĉi jaro ni sendas EV-on al ĉiuj La-Re-oj kun peto, ke ili urĝe informu min, kiom da ekz-oj ili bezonas. La donacitan monon ekde nun bv. sendadi nur al mia adreso!*

*Amike via*

*Ernesto Váña,*
*P.O.Box 8, 962 71 Dudince, Slovakio*

EKSTERORDINARA FONTO DE ENEGIO - FORTO EL VERDA SUKO:

## L A JUNAJ KRESKAĴOJ DE TRITIKO

Eksterordinara donacanto de energio estas junaj, verdaj kreskaĵoj de tritiko. Delikate hakitaj kiel suplemento al salato aŭ freŝe elpremita suko trovas ĉiam pli da favorantoj. En Usono oni diras al ĝi „the green magic", do verda fonto de forto, novtempa eliksiro, kiun oni povas aĉeti jam en la plej multaj vegetaranaj restoracioj. Ĝiaj pioniroj estas D-roj Snn Wigmore kaj Viktoras Kulvinskas el „Hipocrates Institute" en Bostono, kiuj jam tridek jarojn prelegas kaj verkas pri siaj ekkonoj.



La plej malnovaj raportoj pri la uzado de verdaj tritikaj kreskaĵoj devenas el la antikva Ĉinio kaj el antaŭkristana erao de la frataro Esen de sur la pacifika marbordo. Junaj verdaj kreskaĵoj de trikiko enhavas ĝis 70% da klorofilo, 21% da valoraj proteinoj kaj ĉiujn konatajn mineralojn, multajn vitaminojn kaj enzimojn. Ĉi-lastaj efikas kiel kataliziloj en la metabolo, ili subtenas la vivon. Cent gramoj da junaj verdaj tritikkreskaĵoj laŭ enhavo egalas al du kilogramoj da legomoj. Laŭ la esploroj de Wigmore tre konvenas fastado kun uzo de la verdaj kreskaĵoj, ĉar ili provizas la korpon per ĉiuj bezonataj nutraj substancoj. Ili krome purigas la sangon, forigas el la korpo malpuraĵojn, sedimentojn kaj toksojn, malaltigas sangopremon, limigas inflamojn, reduktas troacidiĝon de la sango, subtenas la digestadon, forigas mukojn, subtenas forigadon de pezaj metaloj kaj fortigas la imunan sistemon.

Profesoro Kazuhiko Kubota en Japanio malkovris, ke la junaj tritikkreskaĵoj kuracas ankaŭ damaĝojn pro rentgena radiado kaj enhavas la enzimon S, kiu malrapidigas maljuniĝprocezon, stabiligas imunan komplekson kaj oni povas ilin uzi ankaŭ ĉe kuracado de kancero kaj inflamoj. De ekstere oni povas uzi la sukon ĉe vundiĝoj, akneoj, brulvundiĝo kaj insektpikoj. Kiel masko al vizaĝo ĝi streĉas haŭton, ĉe enmasaĝigo ĝi fortigas haŭton de la kapo kaj forigas haŭterojn. Kvinminuta gargarado forigas gorĝdolorojn. Kiel prepari la eliksiron? - La tritikgrajnojn trempu 12 horojn en akvo. Poste ilin metu sur humidan teron, kovru per folio kaj lasu tri tagojn en mallumo en temperaturo• de 20°C. La kvaran tagon forigu la folion, se necesas, surŝprucu akvon kaj metu en fenestron en lumon. Post du semajnoj la trikito kreskos 10-15 cm. Fortondu ĝin kaj elpremu la sukon per speciala elsukigilo. Elektra miksilo ne konvenas. La freŝe elpremita suko facile malkomponiĝas, do oni devas ĝin tuj trinki. Tage sufiĉas 1-2 tekuleroj miksitaj en akvo aŭ aliaj sukoj.

(s-ek/stma)

## INTELIGENTECO KAJ MAMOJ

Esploristoj el universitato en aŭstralia urbo Brisbano malkovris gravan fakton, ke virinoj kun pli grandaj mamoj estas pli inteligentaj ol aliaj per la naturo malpli

dotitaj koleginoj kun etaj burĝonoj sur la brusto. Rezutoj de la esploro estas bazitaj sur IQ - testoj de mil virinoj en la aĝo de 18 ĝis 40 jaroj. (TA SR)

## FARAONA PANO

Britaj esploristoj el la Kembriĝa Universitato, klopodantaj revivigi malnovan egiptan manĝoliston, inkluzive bieron, sukcesis baki panon surbaze de recepto, devenanta el la tempo de la faraono Tutanĥamono. La merita verko de D-ro Delwen Samuel montris, ke malnovaj Egiptoj estis multe pli lertaj kaj eltrovemaj en la bakista arto, ol oni supozis. Malnovegipta pano estas nigra kaj acida kaj laŭ la gusto multe pli riĉa ol la pano moderna, - akcentas la asistanto de la Kembriĝa universitato.



## RADIESTEZO EN LA RUSA ARMEO

Gerasim Bogomolov, fakulo pri radiestezo en Ruslando sciigas, ke la rusa armeo jam multajn jarojn uzadas radiestezon. Por kapablaj soldatoj estis organizitaj specialaj kursoj por dissolvi iliajn kapablojn por malkovri armeajn objektojn. En la jaro 1991, ĉe stabo de rusa armea floto en St. Peterburgo, estis dungitaj du spertaj radiestezistoj J. Bondarenko kaj N. Klimina, kies tasko estis serĉado de ŝipoj topografie, helpe de radiestezo. Ili ambaŭ sukcesis difini poziciojn de submaraj ŝipoj laŭ geografia karto.

(Esotera, S-ek)

## BRITAJ STELULOJ

Huhg Grant, stelulo el la filmo „Kvar nuptoj kaj unu entombigo" kaj Elizabeth Hurlez, la dua ĉefrolulino el la krimfilmo „Pasaĝero 57" estis konsternitaj, eksciinte, ke konsistaĵo de testoj por novaj preparaĵoj de la firmao Gillette estas enŝpruco de la preparaĵoj en bestajn stomakojn kaj infikado de kuniklaj okuloj. Hurley senpere telefonis al la oficejo de Gillette en Britujo: „Vi povas esti certaj, ke nek mi, nek mia amikino kaj multaj niaj konatoj kaj amikoj kaj iliaj konatoj kaj amikoj, uzados viajn produktojn kaj ni multe klopodos por ĉiuj konvinki pri tio, ke viaj testoj estas abomenaj".

Ankaŭ Linda kaj Paul Mc-Cartney estis teruriĝitaj pro ĉi realaĵo kaj tuj faris kontrolon sur sia banej-ŝranko. La Gillette-produktojn ili enpakis kaj resendis ilin al la produktinto kun la letero: „Kiel amantoj kaj protektantoj de bestoj ni estas ne nur malkontentaj, sed eĉ senesperaj pro viaj testoj kaj nin tre ĝojigus kompenso de la organizo PETA pro ĉi barbareco!"

(VaS/stma)

## MALPLI DA KANCERO

Antaŭ nelonge estis en British Medical Journal publikigita laboro De Dr-ino Thorogood, kiu kun la kolegoj observis ekde la jaro 1980 ĝis marto 1993 6.115 vegetaranojn kaj 5015 nevegetaranojn. La observita grupo konsistis el diversaĝaj homoj (la plej aĝa estis 80-jara) kaj dum klasifikado de fumado, sekso, aĝo kaj aliaj malpli gravaj faktoroj, estis denove konstatita la jam

konata afero: Vegetaranoj estas pli sanaj! Kompare kun nevegetaranoj ili havas je 20% malpli altan mortoftecon je ajna malsano, je 30% malpli grandan riskon je morto pro miokardia infarkto kaj eĉ je 40% malpli grandan riskon morti je ajna kancerspeco! Kiel kialon konsideras D-rino Thorogood malpli grandan akcepton de grasaj acidoj, malpli grandan akcepton de animalaj proteinoj kaj riĉan akcepton de n-3 kaj n-6 grasaj acidoj, sakaridoj kaj antioksidantoj (vitaminoj C, A, karotenoidoj k.s.) en la vegetaranaj nutraĵoj. Ŝi skribas en sia faklaboraĵo, ke ŝanĝoj en la nutrado povas fariĝi la ĉefa momento en la klopodoj malaltigi la mortoftecon kaj nutrad-rekomendoj orientigas homojn al akcepto de almenaŭ iuj atributoj de la vegetara nutradmaniero.



## MIKROONDAJ BAKUJOJ

En pediatria katedro de la Universitato en Vieno faris D-ro Lubec kun la kolektivo eksperimentojn, dum kiuj estis pruvite, ke dum varmigado de manĝaĵoj en mikroonda bakujo, escepte de vermigado en akva bano, aperas transformiĝo de atomoj en molekulo AK. Trans-hidroksiprolino, kiu en-estas en normala lakto, dum 10-minuta varmigado en mikroonda bakujo ŝanĝiĝas al cis-izomero kaj en biologia materialo estanta maldekstrenrotacianta L-prolino ŝanĝiĝas al dekstrerotacianta D-prolino. Tio estas laŭ la vienaj sciencistoj enpensiĝinda, ĉar unuflanke la enkonstruo de cis-AK en proteinojn ŝanĝas ilian strukturon kaj metabolan funkcion kaj aliflanke D-prolino estas neŭro- kaj nefro-hepatotoksa (ĝi damaĝas nervojn, renojn kaj hepaton). Valorus do fari pli detalajn kaj pli precizajn esplorojn koncerne molekule-kemian influon de la mikroondaj bakujoj.

(Laŭ Der Naturalist)

## TERPOMOJ

Terpomojn oni konas precipe el la teleroj kiel manĝaĵon. Esploristoj nun malkovris novajn kuracajn fortojn de ĉi mirindaj naturdonacoj. Krudaj, raspitaj terpomoj tre bone kuracas difektitan, maltrankvilan kaj ekscititan haŭton. Per siaj bazaj konsistaĵoj terpomoj protektas haŭton kontraŭ malutilaĵoj kaj donas al la haŭto, eĉ maljuna, elastecon kaj delitatecon. Masko el krudaj, raspitaj terpomoj, almetita sur la vizaĝon, taŭgas por ĉiuj specoj de haŭtoj, kuracas la difektojn kaj protektas kontraŭ malutilaĵoj.

(Esotera/S-ek)

## NEORDINARA CENTRO

En Rusio kaj aliaj respublikoj de la iama Sovetunio estas tre ŝatataj novaj kaj nekutimaj metodoj kaj manieroj de kuracado. La populara rusa kuracanto, D-ro Miĥail Perepecilin, fondis en Moskvo esoteran asocion „Spiralo", kies celo estas popularigi la ekstermedicinan kuracadon. D-ro Perepelicin kreis propran metodon de psika kuracado, kies fundamento estas meditado kaj viziumado, kiuj ebligas harmoniigon de energioj kaj purigadon de la energetikaj

kanaloj. D-ro Perepelicin kun sia metodo rikoltas grandajn sukcesjn. Nun li planas konstruadon de nova kuraca centro, kiu de ekstere havos formon de piramido kaj de interne formon de globo. En la centro la kuracantoj produktos kuracajn energiojn, kiujn ili poste transdonos al malsanuloj. La kuracsistemo de D-ro Perepelicin estas priskribita en lia libro „La ŝtono de la saĝuloj" kiun oni bone konas en Rusio kaj en aliaj landoj.

(Esotera 12/95

## SANE EN PETERBURGO

En Peterburgo (la iama sovetia Leningrado) ekestis nova movado. Siajn fortojn por ĝi kunigis du organizoj: Fonduso de Esperanto—invalidoj „Asisto" (prezidanto Sergeo Ŝarov) kaj junulara E-klubo „Blankaj noktoj" (la prezidantino Svetlana Ejst). Celo de la movado estas disvastigo de la sana vivmaniero surbaze de la korekta nutrado kaj la harmonio kun la naturo.

Komence de julio 96 oni okazigis internacian renkonĝon „Blankaj noktoj". En la programo estis: Boatado tra lagaro Vuoksa, lecionoj pri memkuracado kaj profesia disvastigo de diversaj kuracmetodoj (dezirantoj povas ekzameniĝi kaj ricevi ateston), ekskursoj tra la urbo. Interesiĝantoj pri la venontaj aranĝajoj turnu sin al: Svetlana jst., Ul. Part. Germana, 15-1-98, RUS-198329 S-Peterburg, Rusio.




## JAHURTO KAJ KANCERO

Lastatempe praviĝis la supozo, ke jahurtoj havas kuracajn efikoj. Laŭ studaĵo de esplorcentro en Karlsruhe, kiu pravigas kontraŭkancerajn efikojn de lakta fermentado, oni eltrovis, ke la bakterioj de lakta fermentado troviĝas ankaŭ en aliaj nutraĵoj, ekzemple en fermentita brasiko, sed la laktofermentaj bakterioj, kiujn enhavas jahurto, estas multe pli valoraj. Acidaj laktoproduktoj stimulas efikojn de stomakaj sukoj kaj eĉ 30 procentoj de laktofermentaj bakterioj povas sen kia ajn perdo atingi sian definitivan agadlokon - la dikan inteston.

(Libera)

## MALPERMESO DE HIPNOTO

Dum la dua Eŭropa kongreso pri hipnoto kaj kuracado en Munkeno centoj da fakuloj el 24 landoj postulis malpermeson de publikaj hipnotaj prezentadoj sur scenejoj. En Kanado, Svedio kaj suda Afriko estis hipnoto jam por tiuj celoj melpermesita, ĉar ĝi malbone kaj malutile influis la ĉeestantojn, kaŭzis psikozojn. La kongreso, aranĝita de Munkena universitato, daŭris kvin tagojn, dum kiuj oni parolis pri la eblecoj de hipnoto por forigi timon ĉe dekutimigado de la fumado, ĉe mildigo de doloroj ĉe la kanceraj malsanoj kaj por sveltigo de pacientinoj.

# ANKORAŬ AL LA „TEVA - SKISMO“

**De Ernesto Váňa**

## *Karaj miaj Geamikoj,*

*necesus skribi multe, sed mi devas ĉion diri koncize. Plej unue mi menciu, kial, pro kio ni ne rekontiĝis en la vegetarana kunveno dum la UK en Praha. Mi ne povis aliĝi por la tuta semajno, ĉar laboris ĉe mia filo konstruistoj, kiu jam loĝas ĉi tie en la proksima najbara vilaĝo, kaj mia filo devis vojaĝi al eksterlando en grava afero, dum mi devis lin anstataŭi ĉe la konstrulaboristoj, kiuj poste planis veni al mi, labori ĉe mia domo. Tial mi planis sendi al la vegetarana kunveno pere de la Ĝenerala Sekretario, s-ano Marĉek, kaj pere de la Sekretario s-ano Sládeček, mesaĝon, sed poste tamen mi decidiĝis, por unu tago, al la vegetarana kunveno alveturi, nokte tien, dumtage trakti, la duan nokton reveni. Dume okazis io, kio ŝanĝis mian planon neatendite.*

*Mi menciu ĉion koncize: mia najbaro havas du hundojn, „hundetojn“, - hundo-fraŭlinetojn, kiuj akceptadas precipe dum noktoj gastojn. La najbara ĝardeno estas iome malpli granda, ol la mia, densa. En la mia estas pli multe da liberaj lokoj. Tio diras ĉion. La hundoj klopodis povi venadi en mian ĝardenon, kaj ili sukcesis tra drata barilo fari truon, en densaĵo de la frambujoj. Sed ili faris al mi fine sufiĉe grandajn domaĝojn, kaj mi devis malebligi iliajn vizitadojn. Tion mi faris en tiu densaĵo sufiĉe longe, poste ofte gratante mian dekstran piedon malsupre, tra la pantalono, ĉar io min tie piketis. Vespere en la bankuvo mi rimarkis, ke meze en la ruĝa makulo estas nigra eta malmolaĵo, kiun mi klopodis forigi. Nur la duan tagon mi konstatis, ke ĝi estis kapeto de iksodo. La lokon mi komencis per diversaj drog-herboj kuraci, sed ĝi de tago al tago fariĝis pli dolora kaj pli granda, antaŭ mi estis la lasta tago, por veturi al Prago, kiam mi devis iri al kuracisto. Kaj en duonhoro mi troviĝis en hospitalo. Ĉu mi daŭrigu? Supre mi menciis, ke mi devas skribi nur koncize, ĉar ni havas gravajn problemojn antaŭ ni. Nun mi estas jam hejme, sed ĉiutage ĉe la kuracista centro, la dua sanga kontrolo ne estas la lasta, temas pri danĝera infekto, postsekvaĵoj ankoraŭ eblaj.*

*Miaj pensoj estas ĉiam ĉe vi, venadas viaj leteroj. En la lastaj jaroj okazis grandaj ŝanĝoj en la evoluo de mia movado, kiu jam funkciis sufiĉe bone. Siatempe altiĝis ĉe ni la poŝtkostoj. Tiam mi menciis en EV, ke se en iu alia lando estas pli favoraj kondiĉoj por eldonado (presejo, poŝto), ni eldonadus EV-on tie. El Romo mi ricevis leteron de s-ino Fabretto, ke ŝi eldonados EV-on. Ni ĝoje baldaŭ sendis al ŝi la pretajn materialojn fake preparitajn, necésis nur reprodukti kaj presi. Je nia granda surprizo post sufiĉe longa tempo, kiam ni jam atendis la pretajn ekzemplerojn, revenis nia registrita paketo kun noto de la tiea poŝto, ke la adresito rifuzis transpreni. Poste venis letero de s-ino Fabretto, ke ŝi eldonos EV-on, sed mi ne sendu materialojn, ĉar tiujn ŝi havas sufiĉe. Ni ja ne kom prenis la aferon, ĉar antaŭe ŝi ankaŭ al s-ro Marček,*

*redaktoro, skribis, ke ŝi eldonos EV-on. Sed nenion alian ŝi notis por klarigo. Ni ne komprenis, kion ŝi intencas fari, ni poste eldonis la sekvan n-ron de EV, kompreneble malfrue, kaj tio kaŭzis ĉe la membroj ĥaoson, multaj pensis, ke ĝi jam ne aperos, dume s-ino Fabretto dissendis siajn informilojn kaj sian kajeron de EV, sen nia interkonsento, aprobo...*

*Por ne paroli multe, do koncize pri ĉio: TEVA estis siatempe transdonita al mi, laŭ antaŭa interkonsento, serioza. Mi transprenis ĝin, neniu alia. Mi komencis laŭ tiutempaj malfacilaĵoj organizi, prepari la eblecojn por povi eldoni. Nun mi denove parolis pri ĉio kun fakuloj, unusole laŭrajta estas mi, ĝis fino de mia vivo. Siatempe mi petis s-ron Fettes, transpreni de mi la prezidantan funkcion pro mia aĝo. Baldaŭ montriĝis, ke li ne povas sin sufiĉe aktive dediĉi al la funkcio, li petis helpon, mi fariĝis „aganta" prezidanto. En la Viena UK mi diris, ke mi deziras retiriĝi, sed la sekvaĵoj ne povis min kontentigi, kaj vere venis la misagoj, la ĥaoso, montriĝis, ke tiun prizorgadas ĉefe s-ino Fabretto, sed mi ĉiam ankoraŭ opiniis, ke la afero ŝanĝiĝos kaj fariĝos bona, kontentiga. Nun, precipe tiuj, kiuj partoprenis la nunan vegetaranan kunvenon dum la UK en Prago, vidas, kiel aspektas la afero.*

*En EV 1/96a mi montris mian decidiĝon, fari ordon en nia movado, laŭ principoj de moralo kaj ĉefe la Zamenhofa Interna Ideo en gefrata formo. La nuna kunveno en Prago montris, ke mi ne estis komprenita, flanke de iuj, kiujn iuj elinter vi nomas en viaj leteroj „puĉistoj"... Ankaŭ venis letero de s-ino Fabretto, en kiu ŝi sciigas al mi, ke s-ro Fettes, same ŝi kaj s-ro Simcock ne akceptas la de mi proponitajn funkciojn en EV 1/96a, certe al ili ni devas doni ankaŭ la Kasiston, s-ron Parrott.*

*Mi jam menciis, ke la plenrajta heredinto kaj reprezentanto de TEVA estas nur mi, kaj mi ankoraŭ vivas. La enhavon de tiu letero mi ekkomprenis, kaj mi konsciiĝis, ke tiuj kvar personoj rezignis, kaj bedaŭrinde ili ne plu estas funkciuloj de nia* ***vera, origina kaj historia TEVA,*** *kiu estas nur unu, kaj ili ne havas rajton uzadi en siaj leteroj, eldonaĵoj kaj aliaj aĵoj, la titolon de TEVA! Ĉar se ili kun nia TEVA ne kunlaroras, ili ĉesis esti ties membroj. Ni klarigu ĉion koncize: Membreco en nia TEVA estas libervola, nenio estas deviga. Membro-kotizo kaj abonado estas la libervola mondonaco almenaŭ unufoje jare. EV aperados nuntempe kvaronjare. Se iu dezirus ĝin nun unufoje en la jaro, kiu eble eĉ ne estas vegetarano, sed tamen simpatianto kaj subtenanto, tiu tion povas aranĝi ĉe ni, ke ni sendu al li/ŝi nur la lastan n-ron en la jaro, aŭ kune ĉiujn n-rojn jarfine.*

*LANDAJ REPREZENTANTOJ: Iuj, eble laŭ „Leteroj" de s-ino Fabretto, ĝis nun ne respondis al mi, ĉu ili restos fidele reprezentantoj de la unusola TEVA, de la vera, origina kaj historia TEVA, kiu estis transdonita al mi, kiun transprenis mi. La Landajn Reprezentantojn ni en tiu ĉi n-ro de EV publikigas ĉiujn lastafoje, ekde la sekva n-ro jam nur tiujn, kiuj al mi konfirmis, ke ili funkcios plu fidele laŭ la Zamenhofa Interna Ideo kaj solidareco kaj al kiuj ni sincere dankas. La plej unuaj estos s-ino Kennedy, kiu min informis, ke la Prezidantan funkcion pro personaj kialoj transpreni kaj plenumi ŝi ne povas, sed kiel Landa reprezentanto por Usono ŝi plu*

*funkcios. Jesaj plej unuaj leteroj venis ankaŭ de s-ino Ĉuprakova el Rusio, s-ano Veselý el Ĉeĥio, s-ino Novotná el Slovakio, s-ano Damjanov, nia longtempa fidela kunlaboranto el Bulgario, simile s-ino Kapista el Jugoslavio, ges-oj Hromov kaj Hromova el Estonio, s-ano Armadans el Hispanio, s-ino Neilande el Latvio, same Litovia E-Asocio, s-ano Van Zoest el Nederlando, s-ano Farani el Pakistano, s-ano Karlsson el Svedio (atentu, nova, la antaŭa forpasis!), - certe ne ĉiujn mi menciis, ĉar intertempe ie en la vasta mondo povas esti en la poŝto koncerna letero por mi, aŭ por la Ĝenerala sekretario-radaktoro s-ano Marĉek, sed ĉi tie mi menciu nekutiman aferon el La Esperanta solidareco, ke je kelkaj miaj leteroj ne venis respondo de la ĝisnunanaj reprezentantinoj el Germanio kaj Turkio. Espereble nun, fine, tio okazos, por ke estu ordo inter ni!*

*La „Okcidenta grupeto“ - ni nomu ilin tiel, kaj ne „puĉistoj“, kiel iuj al mi skribis, se ili volos, ili povas fondi alinome organizaĵon, sed tute ne kun nomo de „TEVA“, se tamen tio havus gravajn postsekvaĵojn. Ili povas tion fari, kaj ni al neniu povas tion riproĉi, se iu el-inter niaj membroj estus ankaŭ en tiu organizaĵo. Sed ni estas kaj restis la unusola, orgina kaj historia TEVA!*

*Karaj Geamikoj,*

*- kio ne estis en tiu ĉi „konciza“ letero ĉio menciita, venos en la sekvaj numeroj de EV, precipe ankaŭ laŭ viaj sugestoj. Pro la menciita realaĵo TEVA havos ŝanĝitan espraron, kiun ni publikigos ankaŭ en la venonta n-ro de EV. Refoje mian grandan, sinceran dankon al ĉiuj, kiuj restas fidelaj, kaj aparte al tiuj, kiuj per sia kunlaboro antaŭenigos la sorton de TEVA, precipe en funkcioj, en la Estraro, aŭ kiel Landaj Reprezentantoj, redaktaj kunlaborantoj, propagandantoj de E-to, aŭ de la nobla celo: fariĝi vegetarano.*

*Multajn—multajn dankojn, kaj sincerajn, elkorajn salutojn kaj bondezirojn de via maljuna*

***Ernesto Váňa***

**INTERESIĜANTOJ PRI MALNOVAJ NUMEROJ de *Esperantista Vegetarano* kaj *Esperantisto Slovaka*, gazetoj, al kiuj la tempo ne forprenis la aktualecon, bonvolu peti la liston kaj prezojn (de la afranko) en la redakcio:**

**Stano Marček, Zvolenská 15, 036 01 Martin, Slovakio**

**aŭ ĉe:**

**Ernesto Váňa, P.O. Box 8, 962 71 Dudince 163, Slovakio.**

# ESPERANTISTA VEGETARANO

Oficiala organo de la vera, origina kaj historia
**TUTMONDA ESPERANTISTA VEGETARANA ASOCIO**
ESTRARO — provizora prizorganto: Ernesto Váňa. P.O.BOX 8, SK-962 71 DUDINCE, Slovakio

## LANDAJ REPREZENTANTOJ-PERANTOJ DE TEVA:

**ALBANIO**: S-ino Rita Permeti, Rruga "4 Deshmoret" P.ll/B, Shk. 5, Ap 20, TIRANE, Albanio
**AŬSTRALIO**: S-ro Bob Felby, 6 Dorset Street, Semaphore Park, S.A. 5019, Aŭstralio
**AŬSTRIO**: Mag. Walter Klag, Rudolffinergasse 8/11, A - 1190 WIEN, Aŭstrio
**BELGIO**: Camiel De Cock, Vorse Beemden 7, 2980 ZOERSEL, Belgio
**BOLIVIO**: Wilhelminne Verhaaf, Poŝtfako Casilla 3945, COCHABAMA, Bolivio
**BRAZILO**: Onei Boracini, Caixa Postal 16, 15001 SÃO JOSÉ DO RIO PRETO - SP, Brazilo
**BRITIO**: S-ino Pat Search, 30a Arlington Gardens, Allteborough, NORFOLK, NR 172 NE
**BULGARIO**: Ganĉo Lazarov Damjanov, Makariopolski 7, BG - 6000 KAZANLAK, Bulgario
**ĈEĤIO**: S-ro Adolf Veselý, pošt. př. 77, 623 00 BRNO, Ĉeĥio
**ESTONIO**: S-ino Helgi Hromova, p.k. 94, EE 3053 KEILA, Estonio
**DANLANDO**: Ejnar Hjorth, Christiansgade 38 2., DK - 9000 ALBORG, Danlando
**FINNLANDO**: S-ro Lasse Kivistő, Kivistőntie, SF - 055 100 HYVINKÄÄ 51, Finnlando
**FRANCIO**: Tean-Roger Chasle, 22 rue de la Mairie, F—22650 PLOBALAY, Francio
**GERMANIO**: Claudia Trochold, Klein-Grőnland 97/157, 0-9800 REICHENBACH, Germanio
**HINDIO**: S. John Bosco, N 1174 Bl. 68, V.O.C. Nagar, Tondiardet, MADRAS 81, Hindio
**HISPANIO**: S-ro Xavier Margais i Basi, Str. Orient 60, ES-07110BUNIOLA (Mallorca), Balearaj insuloj
**HUNGARIO**: D-rino Mária Papp, Kálvária 96/D, H - 6500 BAJA, Hungario
**IRANO**: S. N. Mozaffari, P. K. 11365/5935 TEHERAN, Irano
**IRLANDO**: Christopher Fettes, Saint Columba's College, Rathfarnham, Dublin 16, Irlando
**ISRAELO**: Mark Steinberg, P.O.K. 9137 (K.Eliezer 35157), IL- 31091 - HAJFA, Israelo
**JAPANIO**: D. McGill, Kzoto Syudoin, 701 Momi-Tzo, Ohara, SAKYO-KU, 601-12, Japanio
**JUGOSLAVIO**: Terezija Kapista, Studentska 39/23, YU - 110 70 NOVI BEOGRA, Jugoslavio
**KANADO**: Normand Fleury, 6358 de Bordeaux, MONTREAL, Québec, H2G 2R8, Kanado
**KOLOMBIO**: Inĝ. Libardo Mejía, Apartado Aére, 3525, CALI, Kolombio
**KOSTARIKO**: Danilo Oviedo Quesada, Apartado 011 - La Cuesta, CR - 8251 CORREDORES
**LATVIO**: S-ino S. Neilande, p.k. 150, LV - 6050 RIGA - 50, Latvio
**LITOVIO**: Litova Esperanto-Asocio, ab. k. 167, 3000 KAUNAS - C, Litovio
**MEKSIKIO**: Angel Segura, Apartado Postal M - 20003, MÉXICO 1 D. FR. 06000, Meksikio
**NEDERLANDO**: TEVAN, poŝtfako 399, Nl - 3740 AJ BAARN, Pĉk 35 58 335, Nederlando
**NORVEGIO**: Kjell Peder Hoff, Bjorkenes, N - 1970 HEMNES I HOLANDS, Norvegio
**NOV-ZELANDO**: Mavis Gibson, 15 A Sandiacre, Browns Baz, AUCKLAND 18, Nov-Zelando
**PAKISTANO**: S. A. Farani, House N K-18, Machine Mohalda N°3, JHELUM, Pakistano
**PERUO**: Inĝ. P. F. Comacho Daza, El Boulevard 131 Monterrico, LIMA 33, Peruo
**POLLANDO**: s-ino Pola Bojarowska, ul. Dvorcowa 44/26, 10-437 OLSZTYN, Pollando
**PORTUGALIO**: Portugala Esperanto—Asocio, Rua Dr. João Couto 6 r/c A, 1500 LISBOA, Portugalio
**RUMANIO**: F-ino Florina A. Bolos, str. Padin 25-B D6 ap 68, 34100 CLUJ-NAPOKA, Rumanio
**RUSIO**: s-ino Nina Ĉuprakova, Kuusinena 15, kv. 173, MOSKVA - 252, Rusio
**SLOVAKIO**: Olga Novotná, Riznerova 2, SK - 811 01 Bratislava, Slovakio
**SUDAFRIKO**: J. P. Hammers, 30 Olienhoutstr. 3, WILROPARK - 1725 ROODEPORT, Sudafriko
**SVEDIO**: Arne Karlsson, Skäggetorp Centrum 10 V, S-582 38 LINKÖPING, Svedio
**TAJLANDO**: Pho Thamkhajadpaikun 42, Ari Samphan 5, Rama 6rd, 10400 BANGKOK, Tajlando
**TUNIZIO**: Abderrazak Tabka, Rue Bizerte 72 bis, 4070 M'SAKEN, Tunizio
**TURKIO**: S-ino Heshmat Faraji Yalcin, P.K. 1328 Sirkeci 34438 ISTAMBUL, Turkio
**UKRAINIO**: Miĥail Lineckij, p.k. 539/1, 254200 KIEV-200, Ukrainio
**USONO**: S-ino Maya Kennedy, 320 Esplanade 49, PACIFICA, CA 94044, U.S.A, Usono
**VENEZUELO**: David G. Valecillos, Calle 79-3-C-72 MARACAIBO - 4002, Venezuelo

*Kvankam ankoraŭ ne ĉiuj LR-oj respondis, ĉu ili restos fidelaj kaj solidaraj reprezentantoj de la vera, origina kaj historia TEVA, ni indikas ankoraŭ ĉiujn, sed ekde 1997 nur tiujn, kiuj skribe konfirmos tion.*

# Esperantista Vegetarano




**Administracio:**
Ernesto Váňa, P.O.Box 8
962 71 Dudince, Slovakio
**Redakcio:**
Stano Marček, Zvolenská 15/21,,
036 01 Martin, Slovakio




**TLAČIVO!**

● TLAČ: AX – VÝSTAVNÍCTVO, NITRA ●